


*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)

CAMOENS

5a jaro Junio 1935 N-ro 49

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio* :
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

## MEMORINDAJ TAGOJ

2\. 1887.—*Apero de la broŝuro «D-ro Esperanto-Lingvo Internacia».*

6\. 1599.—*Pentristo Diego Velázquez naskiĝas en Sevilla (Hispanujo).*

10\. 1579.—*Poeto portugala Ludoviko Camoens mortas.*

17\. 1543.—*Provoj en Barcelono de ŝipo movata de vaporforto, elpensata de hispano Blasco de Garay.*

23\. 1450.—*Portugaloj eltrovas insularon Cabo Verde.*

# ACTA LIX DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 20 horas del día 18 de mayo de 1935, se reunió la Junta Central Ejecutiva en el domicilio de la Asociación (Chinchilla, 2), con asistencia de los miembros que se expresan al margen.

Fué aprobada el acta de la sesión anterior.

Se acordó hacer constar en acta el sentimiento de la Junta por haber fallecido el presidente del Instituto Español de Esperanto, D. Mariano Mojado.

Se procedió a hacer el escrutinio de la elección de presidente de H. E. A. Votaron a favor de D. Sidonio Pintado los siguientes vocales regionales: De Logroño, D. Julián Loyola; de El Ferrol, D. Manuel Fernández Méndez; de Orense, D. Emilio Amor Rolán; de Gijón, D. Francisco Menéndez Rúa; de Fuentes de Nava (Palencia), D. Miguel Carrera; de Cádiz, D. Francisco García Merchán; de Cheste, D. Francisco Máñez; de Valencia, D. José Santiago; de Barcelona, doña Sara Ullastres, D. José Anglada y D. Francisco Gorgues; de Pamplona, doña Amalia Núñez Dubús; de Bilbao, D. Víctor O. de Allende; de Baracaldo, D. Eugenio Lunate, y de Palma de Mallorca, D. Gabriel Alomar; total, 15. A favor del mismo candidato votaron los ocho directivos que asistían a la Junta, obteniendo, por consiguiente, D. Sidonio Pintado veintitrés votos. De Cartagena se recibió una carta firmada por D. Enrique Martínez Ripoll y D. Feliciano Oliván Gui, en la que dicen estos vocales regionales que hubieran visto con satisfacción que D. Vicente Inglada hubiera figurado como candidato a la presidencia, pero ellos no han emitido voto a favor de ninguno. En vista de ello, queda proclamado por unanimidad presidente D. Sidonio Pintado.

Se tomaron los siguientes acuerdos:

1.° Pagar la cuota anual del Sindicato de Iniciativas de Madrid.

2.° Hacer a la Hispana Esperanto Asocio helpanta membro del XXVII^a Internacia Kongreso.

3.° Adquirir 703 ejemplares del BES-adresaro, poniendo a la venta o utilizando para propaganda los que sobren después de haber remitido el ejemplar correspondiente a los que ya lo han abonado.

4.° En vista de que D. Julio Mangada es representante de H. E. A. en U. E. A., y que está encargado de la propaganda del XXVII^a Kongreso, que continúe con el mismo cometido como delegado de la Junta directiva, de la que recibirá instrucciones y con

la que se entenderá para cuanto se relacione con el Congreso y con el Patronato Nacional del Turismo.

5.° Que D. Julio Mangada represente a la Asociación en el XVII Congreso de K. E. F., que se celebrará en Ripoll del 9 al 11 de junio próximo.

Todos los acuerdos se tomaron por unanimidad.

D. Julio Mangada, que cesa como presidente, pronunció breves palabras de despedida, y todos los demás acordaron hacer constar en acta el sentimiento que producía su marcha, y la esperanza y el deseo de todos de que, no obstante su cese, continuará laborando por la causa esperantista con el entusiasmo de siempre.

No habiendo más asuntos pendientes, se levantó la sesión.

El secretario, *Fernando Redondo*.—V.° B.°: El presidente, *Julio Mangada*.

Asistieron: el presidente; D. Benito Anguiano, tesorero; D. Fernando Molina, vicetesorero; doña Visitación Martín, bibliotecaria; D. Carlos de San Antonio y D. José Artigas, vocales; D. Jacinto Martín, vicesecretario, y el secretario.

## LA CALLE DEL DOCTOR ZAMENHOF, EN CADIZ

Habiendo llegado a nuestra noticia que el Ayuntamiento de Cádiz se proponía volver a dar a la actual calle del Dr. Zamenhof su nombre antiguo, escribimos al Alcalde de dicha ciudad, quien con fecha 13 de mayo nos ha contestado lo que sigue:

«Recibo su carta 8 del corriente, en la que se ocupa de la supuesta supresión del nombre del Dr. Zamenhof dado a una calle de esta ciudad por un Ayuntamiento anterior; y he de manifestarle que existe un error de concepto en esa creencia, difundida por quienes no se han detenido a conocer el acuerdo de esta Corporación.

»Existía en Cádiz una calle rotulada con el nombre de Barrié, persona a la que debe Cádiz obras meritorias. Un Ayuntamiento dispuso—acaso por no conocer la importante personalidad del señor Barrié—que desapareciera su nombre y se colocara en sustitución el de Zamenhof, cuyos méritos universalmente reconocidos no se han de ocultar ni a esta Corporación ni a esta Alcaldía.

**»Ahora de lo que se trata únicamente es de rehabilitar el nombre de Barrié en donde siempre estuvo; lo cual no significa**

**que desaparezca de las calles de la ciudad el nombre de Zamenhof, puesto que se estudia por la Comisión cuál ha de ser la calle a la que se le impondrá el nombre del famoso Doctor.**

»Como son muchas las entidades esperantistas que desde puntos distintos de España se dirigen a esta Alcaldía con el mimo ruego que hace esa Asociación, quisiera merecer de usted viese el modo de hacer llegar a ellas el sentido de esta carta, que condensa el espíritu de esta Corporación.»

Agradecemos al Alcalde de Cádiz su misiva, y esperamos que la nueva calle que ha de llevar el nombre del inventor del Esperanto no desmerezca por su aspecto de las calles que en muchas poblaciones de España y del extranjero llevan el mismo nombre.

## PRI ESPERANTO KAJ IDO

Kelkaj hispanaj samideanoj atentigas nin pri la propagando, kiun iaj idistoj faras en Hispanujo pri sia lingvoprojekto, kiun ili nomas *Esperanto reformita,* aŭ simple *Esperanto.*

Tia konduto rememorigas al ni la epizodon de iu enviulo de Cervantes, kiu (post la apero de la unua parto de «Don Kiĥoto de Manĉujo») publikigis falsan duan parton de la fama verko (konatan sub la nomo de «Don Kiĥoto» de Avellaneda) kaj devigis ke Cervantes aludu tiun fiverkon en la prologo de la vera dua parto de sia majstra verko.

En kelkaj ĵurnaloj (ekzemple *El Diluvio* el Barcelono, *La Opinión* el Las Palmas, k. c.) aperis artikoloj kontraŭ tiu konduto, kiu celas varbi anojn por la idista movado per miksado de novaĵoj. Ili ja profitas la famon de Zamenhofa Esperanto por lernigi sian lingvon; ili diras (ekzemple, en *La Provincia* el Las Palmas) ke en ĉi jaro okazos du Kongresoj Internaciaj: tiu de Romo kaj... tiu de Danujo (¡ !); k. t. p.

Al la samideanoj, kiuj petas al ni kunlaboron kontraŭ tia propagando ni konsilas: propagu per la ĵurnalaro la venkojn de nia lingvo diskonigante ke Zamenhofa Esperanto estas klara lingvo por telegrafado; solvo proponita ĉe la 6ª Internacia Elektro-teknika Kongreso (Paris, 1932) por la problemo de internaciigo de science-teknika terminaro; oficiala merito en Hispanujo (laŭ ministra ordono de 27ª de julio 1911ª); lingvo kun pli ol cento da gazetoj nur esperante verkitaj; lingvo uzata flanke de la ĉefaj naciaj en multaj internaciaj foiroj, kaj klarigata en multaj oficialaj diversgradaj lernejoj de multaj landoj; k. t. p. (vidu *Enlandan* kaj *Eksterlandan Kronikon* de la

kolekto de HISPANA ESPERANTO-GAZETO). Ĉu la *alia* esperanto atingis similajn sukcesojn post tridekjara propagando?

Estas bedaŭrinde ke en afero tiel ideala kiel Esperanto ni devas averti kiel kelkaj industriistoj: «Estu singardaj kontraŭ la falsigoj kaj kontraŭ imitaĵoj.» Sed tiu fakto mem pruvas la plej altan valoron de nia lingvo.

FERNANDO REDONDO

La Infana Esperantista Grupo de Santander respondis al letero de la propagandisto de Ido per tre bone argumentita letero, kium ni ne publikigas pro manko de spaco. Ĝi finas per tiuj vortoj: «Ni, kvankam infanoj, konas la malfamigan kampanjon faratan de la malamikoj de Esperanto, kaj ni pli kaj pli entuziasme antaŭeniras kun nia «interna ideo». = Unuvorte, S-ro Kreis, oni ne povas eltrovi Amerikon duafoje.»

---

## —o— LA LERNEJO —o—

Mi proklamas la lernejon de F-ino Minstruas plej bona knabinlernejo estanta en la mondo. Mi deklaras malkredantoj kaj mallaŭdantoj tiujn kiuj kredos kaj diros la malon. Ĉiuj lernantinoj de F-ino Minstruas estas saĝaj kaj laboremaj, kaj ne estas io tiel plaĉa kiel vidi iliajn malgrandajn personojn senmovajn kaj iliajn kapojn rektajn. Oni dirus tiom da boteletoj en kiujn F-ino Minstruas verŝas la Sciencon.

F-ino Minstruas sidas tute rekte sur sia alta podio. Ŝi estas serioza kaj dolĉa, ŝia plata harkombaĵo, kaj ŝia nigra pelerino inspiras respekton kaj simpation.

F-ino Minstruas, kiu estas tre klera, instruas kalkuladon al siaj malgrandaj lernantinoj. Ŝi diras al Rozo Benoit:

—Rozo Benoit, se el dekdu mi prenas kvar, kiom restas al mi?

—Kvar, respondas Rozo Benoit.

F-ino Minstruas ne estas kontenta de tiu-ĉi respondo.

—Kaj vi, Emmelino Capel, se el dekdu mi prenas kvar, kiom restas al mi?

—Ok, respondas Emmelino Capel.

—Ĉu vi aŭdas, Rozo Benoit? Restas al mi ok, daŭrigas F-ino Minstruas.

Rozo Benoit falas en profundan revadon. Ŝi aŭdas ke restas ok al F-ino Minstruas; sed ŝi ne scias ĉu tio estas ok ĉapeloj aŭ ok naztukoj, aŭ bone ankoraŭ ok pomoj aŭ ok plumoj. Depost longtempe tiu ideo ŝin turmentas. Ŝi komprenas neniom pri Aritmetiko.

Male, ŝi estas tre lerta pri Sankta Historio. F-ino Minstruas ne havas eĉ nur unu lernantino kapabla priskribi la Teran Paradizon kaj la Arkeon de Noaho same kiel tion faras Rozo Benoit. Rozo Benoit konas ĉiujn florojn de la Paradizo kaj ĉiujn bestojn de la Arkeo. Ŝi scipovas tiom da fabloj kiel F-ino Minstruos mem. Ŝi scias ĉiujn paroladojn de la Korvo kaj de la Vulpo, de la Azeno kaj de la Hundeto; de la Koko kaj de la Kokino. Ŝi ne miras aŭdi diri ke la bestoj parolis pasinte. Ŝi male mirus se oni dirus al ŝi ke ili ne parolas nun. Ŝi estas tute certa aŭdi la lingvon de sia hundego Tom kaj de sia kanarieto Cuip. Ŝi estas prava: la bestoj ĉiam parolis kaj ankoraŭ parolas; sed ili parolas nur al siaj geamikoj. Rozo Benoit ilin amas kaj ili amas ŝin. Tial ŝi ilin komprenas. Por interkompreni ne estas alie, kiel sin ami reciproke.

Hodiaŭ Rozo Benoit diris sian lecionon sen eraro. Ŝi havis unu bonan poenton. Emmelino Capel ankaŭ ricevis bonan poenton, ĉar ŝi bone konis sian Aritmetikan lecionon.

Elirante el la klassalono, ŝi diris al sia panjo, ke ŝi havis unu bonan poenton. Kaj ŝi aldonis:

—Bona poento, al kio ĝi utilas, diru, Panjo?

—Bona poento utilas por nenio, respondis la panjo de Emmelino, tial ĝuste oni devas esti fiera pro ĝia ricevo. Vi scios iam, mia infano, ke la plej estimataj rekompencoj estas tiuj, kiuj donas honoron sen profito.

ANATOLE FRANCE

(El franca lingvo tradukis: A. N. D.).

---

## NEKROLOGO

Ni dankas la kortuŝigajn kondolencojn, kiujn multaj samideanoj sendas al ni pro la morto de la prezidanto de Hispana Esperanto Instituto pastro Mariano Mojado; nome: Antono Carbonell, delegito de U. E. A. en Alcira; la societo Lumradio, de Cheste (Valencia), kaj Ricardo Quiles Pellicer, el Valencio.

Sur la niĉo oni metis tomboŝtonon, donacitan de H. E. I., kun la jena epitafo: «D. Mariano Mojado Abad. Sacerdote laborioso y Apóstol del Esperantismo.»

tagpapilioj, *ericino* (*ericeno*, laŭ Verax), *koliado*, *meliteo*, *atalio* (speco de meliteo), *saturnio* (granda), *satiro* (kun multaj makuloj sur la flugiloj), *pierido* (blanka, ofta en ĝardenoj, kaj kies raŭpo vivas sur la brasiko), *hesperio*, *teklo*. L. de la arbutarbo, *jasio*. L. kun flugiloj provizitaj de speco de vosto kaj kies raŭpo vivas sur la kardo kaj la fenkolo, *makaono*. Blua papilieto, ofta en Franclando, *liceno*. L. kun arĝentkoloraj makuloj sub la flugiloj, *argeno*. Plejbela tagpapilio, el Madagaskaro kaj Sud-Ameriko, *uranio*.

Krepuskpapilioj.—La ĉefaj estas: *aglaopo* (kies raŭpo atakas la migdalarbon), *deilefilo* (kun belkoloraj flugiloj), *sesio* (kun cilindra abdomeno kaj mallarĝaj flugiloj), *sfinkso*, *zigeno*. Iaj sfinksoidoj, *ligustrosfinkso* (kun la flugiloj antaŭaj duberuĝaj; la postaj, rozkoloraj; kaj ĉiuj kun nigraj makuloj), *akerontio*, *pterogo*.

Iaj l-j., *nepto* (kies larvo havas la korpon kovritan de dornoj), *limenito*, *sibilo* (speco de limeniteto).

**Koleopteroj.**—K-j. kies antenoj estas lamenformaj, *lamelikornoj*; longaj, *longikornoj*; havanta ŝvelintan ekstremon, *klavikornoj* (plej multaj el ili vivas sur kadavroj).

Lamelikornoj.—Giganta k. kun ŝvela korpo, *skarabo*. Skaraboidoj sin nutrantaj per la bestaj ekskrementoj, *afodio*, *kopriso*; verda, *cetonio*; akvaj, *girino* (*gireno*, laŭ Verax), *goliato*; vivanta sur kadavroj, *silfo*; kies blanka larvo (nomata *blankvermo*) atakas precipe la oranĝarbojn, *melolonto* aŭ *majskarabo*; kiu enterigas la kadavrojn por kesiaj idoj manĝu ilin, *nekroforo*. Aliaj skaraboidoj, *ateŭko*, *bolbocero*, *cicindelo*, *hidrokantaro*, *hoplio*, *karabo*, *orikto*, *trikio*. Ia cicindeloino, *mantikoro*; ia hidrokantaroino, *kolimbeto*; iaj karaboinoj, *polistiko*, *dripto*, *ditomo*, *elafro*, *encelado* (granda k., el Cayenne), *harpalo*, *kalisto*, *kalosomo*, *klenio*, *mormolico* (el Java), *odakanto*, *ofono*, *brakeno* (por sin defendi forŝprucas kun bruo likvaĵon, kiun ĝi havas en speco de poŝo), *trokso*. Lamelikorno kies viro havas kvazaŭ kornaron sur la kapo, *lukano*. Ia lamelikorno, *geotrupo*.

Longikornoj.—*Sferidio* (akva).

Klavikornoj.—*Elmido* (akva), *histero*, *erotelo*.

Aliaj k-j.—Lignomanĝantaj, *anobio*, *cebrio*, *skolito* (malgranda, kiu boras galeriojn en kelkaj arboj). Flugiva k. karakteriza pro tio ke ĝi povas suprenlevi sian abdomenon, *brakelitro*. Specoj de brakelitroj, *ocipo* (vivanta sur kadavroj), *stafileno* (malgranda). Ia nigra aptera k. *melasomo*. Specoj de melasomoj, *opatro* (kun maldiligenta marŝo), *blapso*, *tenebrio* (kies larvo estas la farunvermo). K. kun duonsfera korpo kaj beletaj rondaj makuletoj sur ĝia kiraso, manĝanta la survegetaĵajn pedikojn, *kokcinelo*. Malgranda k. kies larvo tre malutilas

la plantojn, *kurkulio*. Iaj kurkulioidoj, *emtio, dermesto, koniato*. Oreverda k., kiu sekigita kaj pulvorigita estas uzata por vezikplastroj, *kantarido*. Iaj kantarioidoj, *milabro, meloo* (nigra). K. iom similanta raŭpeton kaj kies abdomeno havas du lumajn organojn, *lampiro* (la *fulgoro* ne estas k. sed hemiptero). K. luma kaj fluganta el Sud-Ameriko, rimarkinda pro sia fosforeskado, *piroforo*. K-j. vivantaj sur iaj vegetaĵoj, *lino* (sur la plopo), *galeruko* (sur la ulmoj), *krizomelo* (sur la genisto, la saliko aŭ la poplo; ĝi estas malgranda), *gastroeido* (sur la napo kaj similaj plantoj; ĝi estas malgranda), *kolaspo* (sur la medikago), *timarko*. K., kies korpo havas strangan formon, *mordelo*. K. vulgara en la ĉirkaŭaĵoj de Parizo, *elatro*. Malgranda k., kiu por sin defendi similas morton, *lagrio*. Aliaj k-j., *aciropo, bupresto* (kun pinta sternumo), *aŭkenio* (malgranda), *apteno, cimindo, cistelo, ditisko* (akva), *dromio, eloforo* (akva), *edemero* (kun ŝvelita femuro), *helopso, hispo* (malgranda) *kalandro* (malgranda), *kriocero* (kun brilaj koloroj), *lebio, skarito, tilo* (granda), *eŭpodo*. Iaj eŭpodoidoj, *donacio, orsodakno, sagro*.

**Himenopteroj.** — Iliaj larvoj estas parazitaj aŭ evoluas en ĉeloj zorgitaj de adultaj h-j. Ia h. tre ĉievagada, *eŭmeno*; fosanta, *bembeko*; parazita, *entomofago*. H-j. vivantaj en societo: kies neseksaj anoj ne havas flugilojn, kaj estas nigraj, *formiko*; kies neseksaj anoj fabrikas vakson kaj mielon, *abelo*; fabrikas ian nemanĝeblan mielon, *vespo*. Abeloviro, *burdo*. Ia abeloido, *megakilo*. Specoj de vespoj, *krabro, polisto*. Insektaro, ĝenerale abeloj, kiuj forlasas sian kutiman loĝejon kaj vagadas amase, en difinita epoko, *esameno*.

* * *

**Ĝeneralaĵoj pri moluskoj.**—Tufo el filamentoj elirantaj el iaj m-j., *bisuso*. Malmola kovraĵo de plejmultaj m-j., *konko*. Scienco pri la konkoj de la m-j., *konkologio*. Ĉiu el la du partoj de konko, kiu malfermiĝas kvazaŭ ĉarniro, *valvo*. M. kun du valvoj, *bivalva, duklapa*. M. kun du valvoj same grandaj, *egalvalva*. La ĉefaj klasoj de moluskoj estas *gasteropodoj, lamelibrankoj* kaj *cefalopodoj*.

**Gastropodoj** aŭ *gasteropodoj*.—Ili havas eksteran kapon, centran muskolhavan piedon kaj unu konkon. Mara malgranda g. kun konusa konko, *patelo*. G. kun orelforma internebrila konko, *halioto*. G. kun helicforma konko, *bukcino*. Bukcinoido kun konko kolora, *cipreo*; kun tre bela, *mitro*. Bukcinoido, kiu sekrecias verdan substancon, kiu poste iĝas violkolora, *purpuro*. Bukcinoido, el kies konko

oni ekstraktas violkoloran substancon, *murekso*. G. el intertropikaj maroj, kaj kies kolora konusa konko havas laŭlongan fendon, *turbo*. G. turbosimila, vivanta sur la rokoj de la marbordo, *troko*; iaj trokoidoj, *paludeno*, *litorino* (*litoreno*, laŭ Verax), *skalario*. G. kun brankoj kombilsimilaj, *akteono*. Mara g., simila al akteono, *doriso*. G. spiranta per pulmoj, *pulmomolusko*. Pulmomolusko kun malgranda konko kaŝita en sia haŭto, *limako*; iaj limakoj, *aŭrikulo* (*aŭrikolo*, laŭ Verax; ĝi estas mara), *klaŭsilio*, *onkidio* (akva), *testacelo*. Pulmomolusko kun spirala konko kaj kvar palpiloj en la kapo, *heliko*. Specoj de helikoj, *bulimo*, *fizo* (akva), *kondro*, *limneo* (akva, kun du palpiloj en la kapo), *planorbo* (akva), *pupo*, *sukcineo*, *vitreno*. G., kies konko estas tre neregula, ofte multe platigita, *krepidolo*. G-j. karakterizataj de piedo servanta kiel naĝilo, *heteropodoj*. G. el konusa malgranda konko, preskaŭ ĉiam blanka kaj diafana, *emarginolo*.

**Lamelibrankoj.**—Ili estas duvalvaj ŝajne senkapaj moluskoj. L-j. kun brakoj etendeblaj, *brakiopodoj*. Manĝebla tre bongusta l., kiu sin fiksas per unu el siaj valvoj al roko kaj vivas amase apud la bordoj, *ostro*. Blanka brilanta ronda korpeto formiĝante interne en la konko de la ostro, *perlo*. Iaj ostroidoj: similanta martelon, *maleo*; vivanta en maraj kaj riveraj ŝlimoj, *petunklo*; kies sulko de la konko iom figuras kombilon, *pekteno*. L. vivanta en maroj de Sud-Azio, kaj rimarkinda pro la grandeco de sia konko, *tridakno*. Manĝebla l. el verdnigra konko, kiu ne vivas amase, *mitulo* aŭ *mitelo*. L. similanta tenilon de tranĉilo, *solemio*. La sola l. kun pedunklo, *lingolo*. L. kun la ekstera lipo tre disiĝinta, *alato*. Iaj maraj l-j.: similanta solemion, *soleno*, *mio*; el malfermita konko, kiu vivas en rokoj, kiujn ĝi boras, *folado*; kiu boras la enmarajn lignajn konstruaĵojn, *teredo*; vivantaj en ĉiuj maroj, *limao*. Aliaj l-j., *kamao*, *kardio*, *izokardio* (mara) *bisomio* (mara), *nukolo*. Kardioido kies konko estas regula kaj sen lateraj dentoj, *korbolo*. Iaj fosiliaj konkoj, *amonito*, *cerito*, *foladito* (fosilia folado), *grifeo*, *hipurito*.

**Cefalopodoj** (aŭ *kapopieduloj*. Laŭ Verax, *kefalopodoj*).—Ilia kapo estas ĉirkaŭata de brakoj, kiuj taŭgas por kapti la nutraĵon kaj porti ĝin al la buŝo. C. kies konko estas dividita en multaj kavaĵoj, *naŭtilo*. Dekpieda c. posedanta vezikon kun fluidaĵo utiligata kiel farbo, *sepio*. C-j. similaj je sepio, *kalmaro*, *loligo*. Molkorpa c. kun ok brakoj kun suĉiloj, *polpo*. Speco de polpo kun blanka bela konko, *argonaŭto*. Ia fosilia c., *belemnito*.

**Aliaj moluskoj.**—Iaj m-j. (kiel *pandoro* kaj *lutrario*) vivantaj en sablo aŭ en rokoj, kiujn ili boras, *ŝlosmoluskoj*. Iaj m-j. kun cikla

buŝo, *ciklostomoj*. Akvaj m-j., kies ĝenerala formo iom similas la muskojn, *briozooj*. Briozoo karakterizata de ciliformaj brankoj, *flustro*.

## XVI.—FIŜOJ. BATRAKOJ. REPTILIOJ

**Klasifiko de vertebruloj.**—

| | | KLASOJ |
|---|---|---|
| Malvarma sango | Ili spiras per brankoj.................... | *fiŝoj*. |
| | Ili spiras per brankoj kaj pulmoj........ | *batrakoj*. |
| | Ili spiras nur per pulmoj.................. | *reptilioj*. |
| Varma sango | Kun flugiloj kaj plumoj................ | *birdoj*. |
| | Kun mamoj.................................... | *mambestoj*. |

La reptilioj, birdoj kaj mambestoj estas *pulmuloj*.

* * *

**Ĝeneralaĵoj pri fiŝoj.**—Fako de la zoologio pri la f-j., *iĥtiologio* aŭ *iktiologio*. Ovoj de f-j., *frajo*. Substanco, kiu ĉe la vira f. fekundigas la inajn ovojn, *laktumo*. La f-j. sin dividas en kvar subklasoj : *ciklostomoj, selakoj, ganoidoj* kaj *ostfiŝoj*.

**Ciklostomoj.**—Ili estas rondbuŝaj vermosimilaj fiŝoj. la manĝebla c., *petromizo*. la kartilageca c., *mikseno*.

**Selakoj.** — Ili estas maraj fiŝoj kun kartilaga skeleto kaj la supera mandiblo pli longa ol la malsupera. Familio de rabaj s-j., *skvalo*. laj skvaloj, *ŝarko* (danĝera manĝavida atinganta ĝis 7 metroj da longo, vulgare nomata *skvalo*), *galeo, mustelo, spinako, selaĉo, skilio* (granda), *zigeno* (aŭ *martelfiŝo*, pro la formo de sia kapo), *skvateno* (simila al rajo kaj je la sama longeco). S. plata kun kvarangula korpo, *rajo*. Plata rajosimila s. kun elektra aparato, *torpedo*. Rajo, kies kapo portas apendicon kiu similas segilon, *pristo*. Fiŝoj kun kartigaleca skeleto (kiel rajo, petromizo, k. c.), *kondropterigioj*.

**Ganoidoj.**—Ili havas emajlajn skvamojn. G. de la rivero Nilo, *poliptero*. Granda g. kun nur unu branko kaj kies viando estas tre bongusta, *sturgo*. Sturgo, kiu liveras plejbonajn ovojn por prepari la kaviaron, *sterledo*. Sturgoidoj, *huzo, spatulario, sevrugo*.

**Ostfiŝoj.**—Tiu subklaso enhavas ĉefe tri ordojn : O-j., kies brankoj estas pare ordigitaj kaj kovritaj de operklo, provizita nur de

## Esperantista Lingva Komitato. Akademio

*Resumo de la cirkulero n-ro. 9.*—Sesa oficiala aldono al la Universala Vortaro (radikoj akceptitaj de la Lingva Komitato, kun la hispana traduko inter krampoj):

*Angoro* (angustia); *aperturo* (apertura); *aplombo* (aplomo, serenidad); *aŭguri* (augurar, agorar); *aŭreolo* (aureola); *baleto* (un bailable, danza teatral), teatra senparola danco kun muziko kaj mimiko; *bankiero* (banquero); *honorario* (honorarios); *koncesio* (concesión), oficiala rajtigo; *konduktoro* (revisor), oficisto, kiu akompanas publikan veturilon, ne kondukante ĝin, sed plenumante difinitajn devojn koncerne ĝian funkciadon; *monotona* (monótono); *strebi* (ahincar); *susuri* (susurrar); *ŝrumpi* (avellanarse, contraerse como por desecación); *vizio* (visión), imagata objekto, kiun aperigas aŭ dia revelacio aŭ iluzio de la vidosento.

*Arbusto* (arbusto); *gramofono* (gramófono); *grego* (grey, rebaño, manada); *ingredienco* (ingrediente); *vinkto* (laña, grapa), metala peco uzata por ripari porcelanaĵojn, k. t. p.; *vivisekcio* (vivisección).

---

## ANIMO, PENSO KAJ KORO

De malproksime en nin venas sonoro de sonorilo kaj vibranta trumpetsonoraro: de la preĝejo, kiu per akvo kaj salo baptas la infanon; de la kaserno, kiu preparas la junulon por sangobapto, por la batalo.

Delikata lumo eniras en la pajlejon, en kiu mi pasigis la nokton. La tago ekfariĝas. Mi forlasas la pajlan kuŝejon kaj mi iras eksidi al pordoŝtupo de domo ĝis kiam la ĝiaj loĝantoj eliru doni al mi almozon.

Nevolante, mia cerbo reproduktas ĉion pri mia vivo de mizerulo. Neniam mi povis alesti al la lernejo. Neniu instruis min legi, eĉ mi ne povis atingi libron, laboron, loĝejon, kiujn ne havigis al mi bonfaremo.

Kiam bonfaremulo forlasigis min de sia pordo, dirante: «Dio helpu vin, frato!», mi min sentas feliĉa. Je tiuj momentoj mi memoras, ke ĉe mi vivas Diero, ke mi havas animon, ĉar mi sentas la TUTON, UNIVERSALAN AMON, interne de mia MIO; ke mi pensas, ĉar mi scias distingi, konscii, la bonon kaj la malbonon; mi estas certa havi koron, ĉar mi kortuŝiĝas kaj mi min konsolas... Mi vidas vin potenca...

La suno alvenas al la sojlo sur kiu mi sidas; ŝajnas al mi, ke la suno petas je mi almozon. Mi, ne atentante la ĉifonojn, kiuj ŝirmas mian fizikan korpon; stare, subtenate de mia maldelikata bastono,

kun miaj blankaj haroj movataj de la vento kvazaŭ ili estus flago de paco, turnante la rigardon al la ĉielo, ekkrias: frato suno, Dio helpu nin per SIA AMO, vekante niajn animojn, lumigante niajn pensojn kaj preparante niajn korojn por ke la Teron ne makulu nia sango, por ke la Teron surverŝu kaj fruktigu la ŝvito de niaj fruntoj.

Jam laca, mi reeksidas ĉe la sojlo de fremda domo, envolvite de mia mizera ĉifonaĵaro, sed ne forgesante ke mi havas ANIMON, PENSON kaj KORON.

Hispane verkis: EMILIO G. LINERA

## LA BURDOJ KAJ LA ABELOJ JUĜITAJ DE LA VESPO

**(de Julio Fedro, 30 jaroj antaŭ Kristo–14 jaroj poste)**

Sur alta kverko estis laborintaj certaj abeloj iujn abelĉelarojn, kaj la burdoj volis sin proklami absolutaj mastroj. Prezentita tiel la afero, oni alportis ĝin al forumo; estis juĝisto la vespo, kiu bone konante la proceson starigitan de ambaŭ partoj, proponis la jenan interkonsenton: «Konsiderante — diris la vespo — ke vi ambaŭ similas en la organismo kaj koloro, ĝis la punkto ke estas kiuj konfuzas ambaŭ kastojn, kaj rilate al prudenta diktado de mia konscienco, mi konsilas al vi, kiel unuan antaŭdisponon, ke ambaŭ prenu la abelujon kaj laboru la mielon en la vaksaj abelĉelaroj, kaj tiel estos facile koni per la gusto de la mielo kaj la formo de la laboro, la verajn fabrikintojn kaj mastrojn.» La abeloj tuj konsentis, sed ne tiel la burdoj. La vespo kun vera kono de la afero decidis tiam: «Ne estas dubo pri kiuj estas la veraj aŭtoroj de la abelĉelaro, kaj kiuj ne. Tiel mi aljuĝas juste al la abeloj la frukton de ilia laboro.»

La aŭtoro ĉiam sin montras pere de sia verko.

Trad.: J. MARTIN

## ENLANDA KRONIKO

*Santander.*—La kurso klarigita de S-ro. Serapio Elvira kun ĉeesto de kvindek kvin lernantoj en la «Ateneo popular» finis sukcese. Post la ekzamenoj oni disdonis premiojn kaj diplomojn al plej distingiĝintaj lernantoj, nome: S-roj. Tomás Berraondo, Robustiano Pérez, Luis Tabanzón kaj Primitivo Alvarez, kiuj atingis kvalifikon «sobresaliente» (plej supera), kaj S-roj. Arturo Lezcano kaj Enrique Nicolás, fraŭlinoj

Encarnación Alonso kaj Antonina Alonso, kaj S-roj. Generoso Mazón, Alejo Sahagún, Miguel Coloma kaj Carmelo Calvo, kiujn oni kvalifikis kiel «notables» (duagrada kvalifiko). Ni gratulas la profesoron kaj la novajn gesamideanojn!

* * *

*Madrido.* — Nova grupo, titolita «Esperantista Madrida Asocio» (San Joaquín, 10, principal), stariĝis en nia ĉefurbo. Ni dankas al ĝi la saluton, kiu pere de HISPANA ESPERANTO-GAZETO transdonas al ĉiuj samideanoj, kaj deziras al nova Asocio longedaŭran vivon kaj sukceson.

---

## EKSTERLANDA KRONIKO

*La XXVII^a Kongreso.*—Car la ŝipo «Leonardo de Vinci» eble ne povas esti preta por la vojaĝo al Afriko, la L. K. K. serĉis novan ŝipon kaj jen ĝi trovis la «Sinaia»n, kiu estas pli ol duoble pligranda ol la antaŭa ŝipo, kun kajutoj pli vastaj kaj komfortaj. Pro tio, oni aranĝis novan tabelon de prezoj kaj kategroioj, sed la prezoj ne estas altigitaj.

Personoj aliĝontaj al la Krozado, aŭ al la vojaĝo «Tra Italio» devas pagi per francaj frankoj al konto de la L. K. K. en Parizo, sed mendi lokon (indikante kategorion, komprenemble) al Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele, 92 Milano (poŝtĉeka konto 3: 18715). La tuta pago devas esti nepre farata antaŭ la 20^a de junio.

Aliĝo al la Kongreso estas sendependa de la aliĝo al la Krozado. Kiu aliĝos al la Kongreso antaŭ la 30^a de junio havos 10 % da rabato.

* * *

*La Foiro de Lyon (Francujo).*—La oficejo de la Lyon'a Foiro ricevis ĝis la fino de aprilo okaze de la Foiro okazinta dum la pasinta monato 301 korespondaĵojn en Esperanto (ne enkalkulante tiujn ricevitajn en fremdaj oficejoj). Tio klasigas nian lingvon je la 5^a vico de la lingvoj fremdaj en kiuj oni enskribis la foiron; la kvar unuaj estas la germana, hispana, itala kaj angla lingvoj. Ili devenis el tridek landoj, precipe el Japanujo (52, kontraŭ 18 de la antaŭa jaro), Nederlando (46), Svedujo (26) kaj Germanujo (20). Ankaŭ oni ricevis iajn el Aŭstralio, Borneo, Hindujo, Kanado, k. c. El Hispanujo oni ricevis 9 (kontraŭ 6 de la pasinta jaro). Kelkaj esperantistoj sendis al la Lyon'a Foiro tre interesajn listojn de komercistoj kaj industriistoj,

kiuj povas havi intereson por la Foiro. Siaflanke la Foiro kiel kutime metis standon je la dispono de la Lyon'aj esperantistoj, kiu estis senĉese plena de vizitantoj, kaj permesis fari fraktodonan propagandon.

* * *

Oni petas al H. E. A.'anoj la publikigon de hispana traduko de tiuj novaĵoj sur la hispana gazetaro.

---

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

GAZETOJ.—*La Esperantisto* de Japanujo ŝanĝis sian nomon je *La Kosmo*, belaspekta ilustrita folio, nur esperante redaktita, kiun ni deziras grandan sukceson.

*Herezulo.*—Sendependa revuo trimonata por batalado kontraŭ ĉiuj dogmoj. Redakcio «Esperanto, 14, Av. de Corbera, Paris XII.» Jarabono 6 fr. fr. aŭ 4 respondkuponoj. Ĝi resumas sian tutan programon per du krioj: «For ĉiuj dogmoj kaj diktatoroj! Vivu justo kaj libero!» Ĝi defendas precipe sennaciismon, kaj atakas ĉiun nacian aŭ internacian dogmon.

LIBROJ.—Sinjoro Alberto M. Brambila sendas al ni kelkajn numerojn de la revuo *Ortografiko*, kaj kelkajn el siaj verketoj, nome: *Homofonología, Una sesión tormentosa, Amor maternal* kaj *Tirones de oreja.* Kvankam tiuj broŝuroj ne pritaktas esperanton kaj estas hispane verkitaj ni recenzos ilin, je la hispana ortografia vidpunkto, ĉar ili estas skribitaj laŭ ia simpligita ortografio (iom divastigita en Meksiko kaj Centro-ameriko), kiel la vortareto de S-ro. Amaya kiun ni recenzis sur nia marta numero, paĝo 14ª. Mi konsentas kun la simpligo (aŭ pliĝuste, «esperantigo») de la ortografio; tial mi kredas ke literon *ch* oni ne devas anstataŭi per *h*, sed per *ĉ*, kaj tiamaniere oni povas konservi la *h* por kelkaj andaluziaj vortoj, ĉe kiuj ĝi ne estas muta, sed ĝi havas esperantan sonon. Eble en multaj hispanlingvaj landoj de Ameriko ne ekzistas la sonoj *ll* kaj *z*, sed nur *y* (*j* esperante) kaj *s*; sed en plejmultaj hispanaj provincoj estas malsamaj la sonoj de *ll* kaj *y*, kaj tiuj de *s* kaj *z*; tial mi opinias ke oni devas konservi tiujn literojn kaj peni por ke la respondaj sonoj ne malaperigu, ĉar tio kaŭzas malriĉigon de nia lingvo (je la prozodia vidpunkto), kaj dusensecon de iaj vortoj (kiel *arrollo* kaj *arroyo*; *casar* kaj *cazar*, ktp). Tial mi ankaŭ ne konsentas kun la artikolo de nia kara samideano sinjoro Luis E. Sepúlveda Cuadra (calle Wáshington, 1198, Santiago de Chile), en la 20ª numero de *Scienca Gazeto*, titolita «Reformo de la hispana ortografio», kvankam li akceptas la sonon *z* esprimota

per tiu litero; sed, kiel prave asertas la redakcion de la dirita revuo, por la eŭropa hispanlingvo estas ankaŭ necese literon por la sono *ll*.— F. R.

*Noveloj de K. M. Ĉarpek-Chod.*—Tradukitaj de Moraviaj Esperantaj Pioniroj. Ĝi estas 86-paĝa libreto, bele senriproĉe tradukita, enhavanta la tri noveloj de Eapel «Rotacia Presmaŝino», «La patro» kaj «La Tujbranĉo».

*Pri problemo de internaciigo de science-teknika terminaro.* Raporto akceptita de la komisiono per teknika terminologio de Sovetunia Akademio de sciencoj kaj de la Konferenco de Internacia Asocio de Normig-Asocioj en Stockholm, 1934.—Korekte kaj klare tradukita el rusa lingvo.—Ĝi pritraktas la diversajn simbolojn kaj terminojn uzatajn en la scienco kaj pruvas la neceson de unueciĝo ĉar foje la simboloj havas malsaman signifon, aŭ la traduko de terminoj de diversaj lingvoj naskas konfuzon. Tia konfuzo estas evitebla per internacia lingvo, kaj el ĉiuj projektoj pri lingvo internacia, Esperanto estas plej konsilinda pro sia internacieco kaj disvastigo. Tiun solvon proponis d-ro Wüster kaj profesoro Cotton ĉe la sesa internacia elektroteknika kongreso (Paris, 1932).

## IO EL ĈIO

### LA HEREDO DE LA ONKLO

—Mortanta onklo disdonis inter siaj nevoj sian kapitalon. Li donis al unua, mi ne memoras ĉu la duonon, la trionon aŭ kian onon de la tuta kapitalo. Al la dua la saman onon de la cetero; same al la tria, kaj tiel plu, ĝis la lasta. Kaj disdoninte ĉion malmankis 256 pesetoj por la entombigo. Sed mi ankaŭ ne povas rememori kiom da nevoj estis.

—Kaj mi ne povas kontentigi vian scivolemon, ĉar la problemo havas kvar solvojn.

* * *

### DIVENAĴO (sendita de A. N. D.)

—Certe mi estas malfeliĉa: mi trovis en la legomejo *frukton plenan de semoj*; sed bedaŭrinde mi perdis unu el ĝiaj literoj kaj nur restas al mi tre *malmola ŝtono*.

—Ne malkuraĝu pro tio. Perdu ankoraŭ unu literon plu kaj vi havos belegan kaj altvaloran teksaĵon.

(*La solvoj, sur la venonta numero.*)

## SOLVOJ DE LA ENIGMOJ DE LA ANTAŬA NUMERO

*Tio estas evidenta.*—Jen la ŝlosilo por malĉifri la alineon: 1=m; 2=i; 3=l; 4=o; 5=n; 6=u; 7=k; 8=v; 9=d; 0=e.

*Kuriozaĵoj.*—Naŭcentokmil du. Du kaj centmilon'.

* * *

## ĜI ESTIS AKVA GUTO

El printempa nubo falis akva guto.

Kiu, vidante la vastan maron, kumiliĝis kaj ekkriis: Kio estas mi kompare kun tia Nemezurebleco?

Sed dume, ostro englutis ĝin kaj la Sorto konsentis ke tiu guto iĝu belega perlo.

Ĝia kumileco plirangigis ĝin. Ĝi volis sin neniigi kaj ĝi iĝis eterna.

(Tradukita el hispana teksto).

* * *

H. E. A. liveras al siaj membroj ekzemplerojn de *Fundamenta Krestomatio* por 6,50 pesetoj afrankite. Ĝia prezo estas ĉe la Centra Librejo de Parizo 15 fr. fr. (proksimume 7,50 pesetoj) ne afrankite.

La verko *Lingvaj respondoj* estas elĉerpita, sed dum venonta septembro oni reeldonos ĝin.

* * *

## AKURATECO

—Kien vi rapidas tiamaniere, Mario?

—Pardonu, Elizabeto, sed de la kvina mia edzo atendas min hejme.

—Sed, amikino... Se ankoraŭ ne estas la sesa!

* * *

## BOTANIKAJ TERMINARO kaj NOMARO

S-ro. K. Froding, 556 State St., Madison, Wis., Usono, laboris jam kelkajn jarojn pri starigo de botanikaj terminaro kaj nomaro, kaj deziras korespondadi pri la sekvantaj temoj:

1. Terminoj uzotaj por priskribo de plantoj.
2. Klasifika sistemo ĝenerale.
3. Genroj kaj popolaj nomoj.
4. Nomsistemo por specoj.
5. Variaĵoj, ĉu ni okupiĝos pri ili?
6. Malfacilaĵoj de la dunoma sistemo.
7. Kreado de novaj terminoj.

Interesataj botanikistoj bonvolu skribi al la supre donita adreso.

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL.—Torrecilla del Leal, 17 - Teléfono 71926